# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* — *№ 5 (42) oktobro 2007*




**en la numero**

*statistiko, impresoj kaj fotoj pri RET-07*
*jubileo de Viktoro Kudrjavcev*
*rezultoj de Belartaj Konkursoj*
*Amzejev kaj Soroka en Ido*
*novaj versaĵoj de Klara Ilutoviĉ*
*"Bulteno de REU", novaĵoj, anekdotoj kaj multo alia*

**Moskvo, 2007**

# enhavo:





*Andrej Grigorjevskij – unu el la ĉeforganizantoj de RET-07*


# REGo

## (Rusia Esperanto-Gazeto)

**№ 5 (42) oktobro 2007**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

**abontarifoj por 2008:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 250 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*




*la muzikistoj de RET-07 (de maldekstre): Mikaelo Povorin, Mikaelo Bronŝtejn, Sergej Straŝnenko, Pavel Moĵajev, Georgo Handzlik, Jan Schroeder kaj Gunnar Fischer*

*Nina Nikolajevna Zueva dum la korpopentrada konkurso plibeligas la filon Volodja*

# RET-07

## STATISTIKO

1. En RET-07 partoprenis **183 personoj**, 88 viroj (48%) kaj 95 virinoj (52%). La plej ofta virina nomo estis Jelena (9 personoj), vira – Aleksandr (11 personoj, t.e. ĉiu oka viro havis tiun nomon).

2. **Geografio.**

Landoj (8): Francio – 3 personoj, Germanio – 2, Israelo – 1, Latvio – 2, Pollando – 1, Ukrainio – 12, Usono – 2, Rusio – 160.

Estis prezentitaj 47 rusiaj loĝlokoj: Afipskij (Krasnodara reg.), Arĥangeljsk, Armavir, Brjansk, Buĥovoje (Lipecka reg.), Ĉeboksari, Ĉeljabinsk, Ĉusovoj (Perma reg.), Dimitrovgrad, Gelendĵik, Ivanovo, Jekaterinburg, Jelec, Kovrov (Vladimira reg.), Krasnodar, Krasnojarsk, Maĥaĉkala, Moskvo, Murmansk, Niĵnij Tagil, Niĵnij Vorgol (Lipecka reg.), Noriljsk, Novoĉeboksarsk (Ĉuvaŝio), Novosibirsk, Odincovo (Moskva reg.), Omsk, Otradnaja (Krasnodara reg.), Pirogovskij (Moskva reg.), Reutov (Moskva reg.), Rostov-na-Donu, Rudnij (Primorskij reg.), Sankt-Peterburg, Sjasjstroj (Leningrada reg.), Smolensk, Soĉi, Ŝumerlja (Ĉuvaŝio), Taganrog, Terbuni (Lipecka reg.), Tiĥvin, Tjumenj, Tomsk, Troickij (Sverdlovska reg.), Uljanovsk, Vladimir, Volgodonsk (Rostova reg.), Volgograd, Volĵskij (Volgograda reg.).

Plej multaj partoprenintoj venis el: Volgograd – 16 (Volgograda regiono entute – 21), Ĉeboksari – 14 (Ĉuvaŝio entute – 20), Moskvo – 11 (kun Moskva regiono – 19), Sankt-Peterburg – 9 (kun Leningrada regiono – 13), Jelec – 9 (Lipecka regiono entute – 12), Jekaterinburg – 8 (Sverdlovska regiono entute – 9).

3. **Aĝo.**

Averaĝa aĝo de la partoprenintoj estis proksimume 35 jaroj kaj 4 monatoj. La plej aĝa partoprenanto estis Pol Denis (81 jaroj), la plej juna – Jaroslavna Kapitonova (9 monatoj).

Aĝgrupoj:
- 0-5 jaroj – 11;
- 6-14 jaroj – 13;
- 15-29 jaroj – 55;
- 30-49 jaroj – 58;
- pli ol 49 jaroj – 46.

Plej multaj partoprenintoj naskiĝis en majo kaj julio (po 20 personoj), plej malmultaj – en aprilo (10 personoj). Plej ofta naskiĝdato estas la 11-a tago de monato (10 personoj), plej malofta – la 16-a (2 personoj).



*unu el la noktaj kunsidoj en gufujo*




*programo de unu el la tagoj*

4. **E-staĝo.**

La plej grandan E-staĝon havas Pol Denis (Francio) – 57 jaroj, sekvas Valerija Cvetkova (Sankt-Peterburg) – 51 jaroj. Jen kiel dividiĝis aliaj partoprenintoj laŭ la E-staĝo:

– 30-50 jaroj – 15;
– 20-29 jaroj – 43;
– 10-19 jaroj – 26;
– 5-9 jaroj – 21;
– 2-4 jaroj – 35;
– lernis en 2006 – 15;
– lernis en 2007 – 26.

5. **Retadresojn** indikis en la aliĝiloj 130 personoj (71%).

6. **Telefonnumeroj.**

El inter la rusiaj partoprenintoj, kiuj indikis siajn telefonnumerojn en la aliĝiloj, 57% indikis la hejman telefonnumeron, 28% – la poŝtelefonan numeron, 15% – ambaŭ numerojn.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

## MIA SEP-RET-O

RETo la sepa estis mia unua E-renkontiĝo en Rusio post sufiĉe longa paŭzo. En la TTT-ejo, kiu rakontis pri la estonta RET-07, en la listo de partoprenontoj mi ekvidis aron da miaj malnovaj amikoj, kiujn mi jam delonge ne renkontis kaj tre ŝatis revidi. Fakte, ĝi estis la ĉefa kaŭzo, kial mi aĉetis bileton por aviadilo kaj flugis suden. Anticipa listo de partoprenontoj povas esti forta motivo.

**EspeRETo**

Ĉu aparteno al Esperantujo iamaniere sigelas la homon? En bona senco – jes. En flughaveno mi rimarkis junan virinon. Io alloga estis en ŝiaj okuloj. Mi neniam vidis ŝin antaŭe, sed decidis "Ŝi estas esperantistino". Kaj tuj mi miris pri la konjekto. Ja en ŝia aspekto nenio atestis pri tio. Do mi ne kuraĝis alparoli ŝin. Veninte al la bazejo en Primorsk-Aĥtarsk mi revidis ŝin kaj mense insultis min pro la nekuraĝemo. Poste mi eksciis, ke ŝi estas usona esperantistino Jessica Seminara.

**Azova MaRETo**

Ege varma vetero konkuris kun vere varma etoso. Varmegon de la vetero partoprenantoj kompensis per paŝa promenado tra la malprofunda Azova maro. Ma-

reto – oni povus diri.

En la tendaro regis la etoso de iamaj SEJT-oj, kiun mi plezure ĝuis. Multaj programeroj, interesaj elpaŝoj kaj diskutoj, koncertoj, komuna nokta umado ĉe bordo de la maro, kantoj en agrabla kompanio, malhasta bierumado kaj komunikado en gufujo... kaj ioma malordemo. Kun kontento mi rimarkis, ke en la renkontiĝo abundis junularo. Bedaŭrinde, multaj el gejunuloj rare uzis Esperanton. Multis familioj kun infanoj (inkluzive eĉ tre junajn). Laŭ mia opinio, tio estas bona indikaĵo, ke la afero estas heredata kaj plu evoluos.

**KultuRETo? Ne, tamen KulturEGo!**

Esperanto-kulturon eblis ĝui ĉiuspece. La koncerta programo estis tre intensa. Eĉ ne unu vesperon oni devis enui. En la stabejo ĉiutage funkciis libroservo, kie estis vendataj multnombraj libroj, abundis diskoj kun E-kantoj. Tre ĝojigis min bonegaj sovetiaj kinofilmoj, esperantigitaj de Natalja kaj Andreo Grigorevskij. Mi kun agrablo aĉetis tiujn por miaj finnlandaj amikoj.


*unu el la multaj partoprenintaj familioj: Oljga Lang kaj Mansur Mamkin kun la filino Aljbina*

El amuzprogrameroj mi volas aparte emfazi kantkoncerton de Pavel Moĵajev, "juĝadon" de Jefim Zajdman, sprite reĝisoritan de Mikaelo Bronŝtejn, malnovan sed karan spektaklon "Krimea legendo", kiun gvidis kaj kie ankaŭ brile aktoris la "juĝita" Jefim.

Kaj, certe, oni notu la koncerton de brila franca kantisto JoMo. Verdire, mi estis tre skeptika, aŭdinte ke preskaŭ tuta publiko dancas dum liaj koncertoj. Mi devas konfesi: fakte, estas tiel. Ankaŭ mi estis tentita per impeta ritmo kaj ĝuis dancadon kun ĉarma belulino.

**Adiaŭa AmaRETo**

La bono tamen finiĝas. Ni ĉiuj devis disveturi. Sed espereble ne por longa tempo.

***Andreo Teravainen (Latvio)***

## EN-RET-E – MALNETE KAJ NETE

Mi partoprenis en la organiza teamo de Rusiaj Esperanto-Tagoj (RET-07). Mi havis honoron partopreni. Ĉar ekde la pasintjara areta RET-06 vagis en la cerboj de multaj geuloj la kompreno, ke nepre RET-07 devas esti preparata, reklamata kaj aranĝata alie, por ke ĝi iĝu evento en la vivo de la landa esperantistaro. Kaj ĉar la komprenon sekvis sufiĉe konsciaj kaj kunordigitaj agoj, efektivigataj dum la tuta jaro – de aŭgusto 2006 ĝis aŭgusto 2007. La agojn efektivigis kelkpersona organiza

teamo (OT), reprezentanta ĉiujn generaciojn esperantistajn. Ekde mi, barbulo la plej aĝa, reprezentanta la Grizan Ondon (aŭ la Blankan Gvardion) de Esperanto, ĝis Edik Kolosov, reprezentanta la estontecon de la lingvo en Rusio.

Kaj venis la aŭgusto, kaj venis la tempo de RET, kaj tiu RET vere iĝis evento – mi diru tion tuj por eviti ajnan miskomprenon. La evento okazis – kun ĝojoj kaj tristoj, kontentiĝoj kaj senreviĝoj, sukcesoj kaj misoj. Dum kelkaj semajnoj, pasintaj post la fermo de RET, la travivaĵoj, kirliĝintaj en la cerbo, pli-malpli maturiĝis por konkludi, kio el la malnetaj planoj de la organiza teamo realiĝis nete dum la aranĝo. Kaj kio fiaskis. Endas mediti pri la kaŭzoj – de la gajnoj kaj de la fiaskoj – por pli lerte agi poste. Espereble emuloj ĉerpos el miaj personaj konkludoj ion por propra meditado. Se mi alfabete dismetus la konkludojn, ili okupus la tutan RE-Gon, do mi estu konciza kaj prezentu nur la unuan literon.

*Agitado* por RET estis treege aktiva kaj diversflanka. Se kompari kun RET-oj, organizitaj almenaŭ dum la pasintaj tri jaroj, oni povas paroli eĉ pri agitado modela. Certe ĝi efikis, sed miaopinie por partopreno en RET bone agitis ankaŭ troaj vojkostoj por la ĉi-jaraj UK kaj IJK. Rezultiĝis malnete ĉirkaŭ 250 aliĝintoj. La neta rezulto: fakte venis al RET iom malpli ol ducent personoj, kies priskribon prezentos la statistiko kaj la adresaro. Sendube, eĉ tiu rezulto estas bona. Mankas bedaŭro pri la nevenintoj, kiujn mi ne konas. Tamen ne venis ankaŭ deko da aliĝintoj, certaj bonaj homoj, kies foresto kaŭzis malaperon de certaj planitaj programeroj. Gravaj kaj estimindaj kaŭzoj malhelpis ilian alvenon, do mi konstatas la fakton sen eĉ guto da riproĉo, nur kun bedaŭro, ĉar kun ili RET povus esti eĉ pli eventeca.



*dum la komuna fotado Mikaelo Brronŝtejn trovis por si lokon surtere, sed – en bela kompanio*

*Akceptejo.* Mi konsideras kiel tiun la tuton de vivkondiĉoj, prezentitaj de la organizantoj. Malnete la organizantoj promesis al la aliĝintoj varman veteron, bonan maron, ĉiaspecajn loĝeblojn kaj taŭgajn ejojn por sportado, koncertado, lecionoj, prelegoj ktp. Nete ĉio estis eĉ pli.

Laŭ mi, oni tro klopodis pri la vetero – mi ne ofendiĝus, se ĝi estus iom malpli varma, almenaŭ nokte. La maron oni ankaŭ fosis aktive, ĝi rezultiĝis granda. Sed ne tre profunda. Tamen, se enkalkuli la duontagan ekskurson (kiun mi ne partoprenis) al vivaj lotusoj kaj al profundaj naĝlokoj, ĉio estas en ordo. Granda plezuro

kaj vivfaciligo estis la butiko/kafejeto, organizita ĉeborde kun malvarmaj bieroj, sukoj, akvoj kaj glaciaĵoj. La organizitaj akvomelonoj estis dolĉaj kaj sukoplenaj. Krome estis proponataj mieloj kaj mielkuraciloj, melonoj, vinberoj, prunoj ktp.

La ejoj ne provokis plendon. Efektive, neniu programero suferis pro manko de taŭga ejo aŭ de ĉefaj teknikaj rimedoj. Sportejoj ĉeestis en tute sufiĉa kvanto. Luksaj loĝejoj estis vere luksaj, laŭ rusia kompreno, la ne tre luksaj estis tamen konvenaj, ne mankis loko por tendoj kaj fajrujo, porkisaj benketoj kaj arbustaro.

Malgraŭ ke ĉiujare manĝoj estas problemo por organizantoj de amasaj aranĝoj, ĉi-foje la produktaĵoj de la manĝejo estis tolereblaj kaj ne malsanigaj. Sed iuvespere mi kaj certa aktivulo manĝis ĉetable kun la franca paro. Ni manĝis kokinaĵon, kaj, ĉe ekmiro de la francoj pri trancilmanko, la aktivulo komencis kulturigi ilin, instruante, ke birdviandon licas manĝi, tenante per manoj. La francoj englutis la instruon kun la kokinaĵo, malgraŭ ke mankis tuketoj almenaŭ por viŝi la manojn. Sed ekde la sekvanta mateno ili venadis en la manĝejon kin propra poŝtrancilo. Senkulpigas nin la fakto, ke RET-organizantoj neniel rilatas al la problemo. Eble mankon de trancîloj en rusiaj amasmanĝejoj oni klarigu kiel kontraŭterorisman agon...



*la vesperaj koncertoj ĉiutage altiris ĉies atenton*

*Aktiveco* de la partoprenintoj malnete ŝajnis al mi dubinda, ĉar tro multaj nekonataj nomoj ĉeestis en la listo de aliĝintoj. Feliĉe, nete ĉio okazis tute alie. La homoj aktivegis. La plejmulto venadis eĉ al matenmanĝoj, kion oni povas nomi heroa ago, konsiderante la tempon de enlitiĝo. La perfektigaj kursoj estis amase vizitataj! Samkiel prelegoj, laborkunvenoj kaj ceteraj maldistraj aranĝoj. Speciale kontentigis min, ke al la kunvenoj de la tradukista metiejo anstataŭ sopirataj de mi ses-sep emuloj obstine venadis de 12 ĝis 20 personoj kun absolute serioza intereso pri la afero. La distraĵoj ankaŭ estis pli-malpli vizitataj de pli-malpli ĉiuj venintoj. Memkompreneble.

Mi ne scias, kien meti la ĉiutagan libroservon – ĉu al seriozaj aranĝoj aŭ al la distraj. Sed eĉ ĉi tie la homoj ege aktivis kiel aĉetantoj, kaj tio eble atestas ĉe nialanda esperantistaro abruptan eksteratendan altensalton de vivnivelo, salajroj kaj aspiroj legi, spekti, aŭskulti esperantaĵojn. Enrete kelkaj libroservanoj jam informis la publikon pri certaj furoraĵoj de RET-libroservo. Jen la informo pri la mia: mi estis altreninta por la libroservo 26-kilograman tornistron kun miaj libroj kaj diskoj,

kaj mi iris hejmen, pakinte la malplenan tornistron en mian gitarujon kun gitaro. Do bonvolu registri la furoraĵon en Esperanto-Guinnes: la partoprenintoj de RET bonvolis aĉeti dudek ses kilogramojn da mia laboro. Dankon al ĉiuj!

Notindas almenaŭ unu aktiveco, laŭ mi troa. Iel-tiel okazis per si mem, ke post unu-du tagoj la Blanka Gvardio (aŭ la Griza Ondo) akaparis ĉiujn gvidajn rolojn en RET – ekde organizo de ĉiuj plej gravaj programeroj ĝis zorgado pri ordo en la manĝejo, – lasinte por la juna generacio rolojn pure teknikajn, asistajn. Sen pretendi verecon absolutan mi diru, ke kelkaj gejunuloj, kapablaj ion-tion gvidi/organizi memstare, des pli dezirantaj fari tion, ŝajnis al mi subpremitaj kaj malkontentaj pro la roldistribuo. Eble ni, karaj Blankgvardianoj, pripensu nian senambician retiriĝon al konsultaj/sufloraj roloj en la sekvaj RET-oj? Nu, almenaŭ en la vica – por certiĝi pri spertoj de nia junularo, por kritiki kun malica ĝuo kaj por laŭdi kun sincera kontento...

*Aranĝoj* estis planitaj malnete en la Programo. La memorujo de mia komputilo dume konservas pli ol cent mesaĝojn de OT kaj kvin aŭ ses programvariantojn, sinsekve naskitajn el tiu leterumado. Endas nun forĵeti...



*Kostik Malasajev brile montris siajn pantomimojn*

Estis malnete bona ideo direkti la vivon de RET laŭ kvar Fluoj: Akademia, Arta, Familia kaj SEJT-a. Konforme aperis ontaj kunordigantoj por ĉiu Fluo kaj organizantoj/gvidantoj por ĉiu (mi mensogas – preskaŭ por ĉiu) programero.

Nete OT-anoj devis ĉiunokte produkti programon por la sekvanta tago, sed la laboro estis sufiĉe gaja kaj facila, ĉar la kvanto de programeroj proponitaj superis la eblecon enŝovi ilin en la kadron de tago eĉ kun iom da nokto. Nete la kvar Fluoj montriĝis absolute ne egalvaloraj, kaj rezulte certagrade kunfandiĝis, produktinte pli-malpli harmonian etoson. Nete evidentiĝis, ke pleje sukcesas la programeroj, kiuj estas jam pretaj malnete. Sekve bonegaj kaj altvaloraj estis, ekzemple, la kursoj diversnivelaj, gvidataj de pretaj instruantoj, la kruele saĝaj diskutadoj kun profesoro Aleksandr Melnikov, la ridigaj ludoj de Irina Gonĉarova kaj eĉ la nokta “Gufujo”, kie kantis malnete pretaj bardoj kaj estis demonstrataj absolute pretaj filmoj. Evidentiĝis ankaŭ, ke la eksterlandaj gastoj, al kiuj OT proponis fari prezentadojn de siaj landoj, ankaŭ estis malnete pretaj, do nete okazis ĉarmaj, gajaj kaj informoriĉaj programeroj.

Evidentiĝis ankaŭ, ke por dum unu horo prepari neforgeseble gajan KGS-on, aŭ memorindan Neptun-feston, aŭ eĉ sentoplenan lignofajrumadon, ne pretajn malnete, bezonatas ĉiuokaze geniaj uloj. Kiuj, kredeble, ne multas...

*Arto* – pri tiu aparte. Ĉar malnete mi estis kunordiganto de la Arta Fluo, mi devas kaj deziras kore danki ĉiujn bonajn homojn, kiuj garantiis pli-malpli totalan

netan sukceson de la Fluo jam sendepende de la kunordiganto. Mi ne menciu ĉi tie pli ol tridek nomojn por ŝpari la paperon, sed ĉefe – ĉar mi timas iun forgesi. Do – la Arto estis forta flanko de RET dank' al tiuj, kiuj:



*ne mankis, certe, ankaŭ la nokta kantado ĉe lignofajro*

– prelegis pri muziko kaj pri literaturo;
– instruadis kantojn al la ĥoro, kantojn kaj dancojn al simplaj dezirantoj;
– organizis kvizojn;
– teatrumis teame kaj tandeme;
– koncertis solule kaj teame – en la granda scenejo kaj en la gufujo;
– aŭskultis kaj spektis, aplaŭdis kaj fajfis, jelpis kaj dancis.

La plej grava neta domaĝo: pro neveno de la organizantoj, sin anoncintaj malnete, ne okazis la koncerto omaĝe al Sergej Bozin, brila muzikisto, pereinta antaŭ jaro.

*Aksiomoj:*

– Kelkaj Blankgvardianoj ankoraŭ ne forgesis, ke ĉiu vica SEJT estis serioze preparata dum du jaroj. Ĉe malneta teama laboro, almenaŭ dum jaro, ankaŭ nuntempe oni povas nete ricevi neforgeseblan rezulton.

– Tiuj, kiuj obstine asertas, ke amasaj esperantistaj aranĝoj ne apartenas al la plej gravaj agitrimedoj por Esperanto, ne pravas. Partopreno en bone organizita RET, SEJT k.a. edukas aron da kabeimunaj esperantistoj.

– Komunikiĝo perreta havas absolute nenian avantaĝon antaŭ komunikiĝo en-RET-a. Estas humiliga la maleblo enrigardi la okulojn dum konversacio. Kunkanti kaj kundanci. Tuŝi la ŝultron. Kisi.

***Mikaelo Bronŝtejn***
***(Tiĥvin)***



*ina parto de la partoprenantoj plimultis en RET-07*



# GRATULOJN AL VIKTORO KUDRJAVCEV!

Por mi malfacilas kredi, ke mia unua E-amiko kaj kara edzo Viktoro Kudrjavcev kvindekjariĝis. Ŝajnas, nur hieraŭ ni, junaj kaj aventuremaj, konatiĝis dum la unua partoprenita de mi E-tendaro – OrSEJT-23 en Sukok apud Taŝkento en 1981. Mi venis tien kiel freŝbakita komencantino el Samarkando, kaj Viktoro – senpermese lasinte tiaman armeservadon ĉe Bajkonur, en Kazaĥio. Dum unu el la tendaraj tagoj, post la konkero de alta azia montpinto, ni, malsupreniĝinte, ripozis kun Viktoro ĉe rapidkura intermonta rivereto, kiam neatendite falinta de montalto ŝtono lezis mian piedon, kaj mi ne plu povis iri mem. Kaj Viktoro longe portis min en la brakoj al la tendarejo. Tiel komenciĝis nia amikiĝo, kiu daŭris poste dek kvar jarojn, dum kiuj ni konstante korespondis, gastis unu ĉe la alia, kune vizitis E-aranĝojn kaj finfine geedziĝis. Do, ni amikas pli ol dudek kvin jarojn, sed kunvivas duoble malpli.

Mi povas aserti, ke Esperanto ĉiam forte kunligas nin. Viktoro kutime naskas iujn poresperantajn projektojn aŭ ideojn, kaj ni kune realigas ilin. Ni gvidis ĉeestajn kaj korespondajn E-kursojn, aktivas en Jekaterinburga E-klubo kaj en la E-movado de la urala regiono, organizis kelkajn E-renkontiĝojn, eldonas E-revuon. Kaj Viktoro ĉiam infektas min per sia entuziasmo, entreprenemo, kuraĝo. Li senlace sendadis al rusiaj periodaĵoj centojn da leteroj, en kiuj informis pri Esperanto kaj proponis ĝin lerni, li skribis poste al la finintoj de la korespondkursoj kaj invitis ilin partopreni kune kun ni E-kongresojn aŭ niajn regionajn renkontiĝojn.

Ankaŭ nia revuo “Komencanto” ĉi-jare atingis rondan daton, sian 10-jariĝon.

Ni vivas kune ne sennebule, samkiel aliaj ofte kontraŭstarante la viv-malfacilaĵojn, sed tiu ĉi vivo ĉiam estas interesa kaj multfaceta, plena de neforgeseblaj vojaĝoj, memorindaj okazintaĵoj, ĝojplenaj renkontiĝoj kun E-amikoj. Mi esperas, ke mia amiko kaj edzo Viktoro daŭre portos min en la brakoj tra nia kuna vivo!

Sanon kaj energion al vi, kara, novajn inspirajn ideojn kaj projektojn!

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

Duono el la kuranta cento pasis… Ĉu tio estas rimarkinda distanco por la homa vivo trairata-travivata tempe kaj space? Jes ja, sendube estas ĝi trezorejo plenigata aparte de ĉiu homo per individuaj spertoj, eraroj, neforgeseblaj travivaĵoj, ĉagrenoj, revoj realigitaj kaj projektoj neatingeblaj… En kiu persona kosmo vivis do Viktoro ĝis la jubilea dato?

Fakte, lia spaco etendiĝas vaste de Eŭropo ĝis Japanio, ĉar li estas homo vojaĝema, startopreta, ŝatanta longajn vojojn, sed plej dorlotata loko en la mondo, al kiu li ĉiufoje revenas hejmen post milkilometraj migradoj, estas lia Uralo – tiu bela monta regiono en Rusio, kie li naskiĝis, plenkreskis, vizitis lernejon, studis, profesiiĝis kaj vivas nun, preta senlace, verve, danke kaj patriote dum horoj jubili pri naturbelaĵoj kaj historiaĵoj de sia patrujo. Li kapablas glori la uralajn admirindaĵojn en sia sprita neripetebla parolmaniero, kiu implicas ŝercojn, trafajn aludojn, amuzajn komparojn.




Sed tempospace la vivo de Viktoro, samkiel tiu de milionoj da liaj samlandanoj, frontas ĉiujn batajn skuojn sur la politika kaj ekonomia fonoj de nia lando, kiujn li ne flanke observis, sed karne mem elprovis.

Tri jardekojn la vivo de Viktoro estas ligita kun Esperanto, la lingvo, kiu fariĝis por li pli ol porokaza kaj agrabla hobio: ĝi estas vivmaniero, tiu elemento, en kiu li febras, evoluas, fekunde kreas kaj daŭre vivas.

Mi deziras hodiaŭ al Viktoro sanon kaj entuziasmon vidalvide al novaj venontaj jubileoj kaj senlaciĝon sur nia multfaceta tera vojo.

***Amike, samspactempulo Vladimir Opletajev (Surgut)***

## UK: ĈU EBLE EN JEKATERINBURG?

En REGo № 3 (40), 2007 aperis rezonoj pri la temo "Kial UK en 2009 ne okazos en Rusio". Mi deziras redemandi: ĉu 2009 estas lasta limtempo por inviti UK-on? Kaj ĉu rusianoj kaj, konkrete, moskvanoj estis tute pretaj gastigi UK-on en 2009? Verŝajne ne tute. Bezonatas ja granda prepara laboro kaj, unuavice, longdaŭraj motivadaj kontaktoj kun diversaj lokaj instancoj.

Rigardante antaŭen, al estonto, necesas agnoski, ke ni bezonas ankaŭ aliajn variantojn krom Moskvo, el kiuj ni povus elekti. Pro tio mi volas prezenti varianton, kiu validos post 2010. Tiu ĉi estas Jekaterinburg – la ĉefurbo de Meza Uralo.

Antaŭ kelkaj monatoj en REGo № 5 (36), 2006 A.Grigorjevskij priskribis la kondiĉojn, kiujn gastigonta UK-urbo devas nepre plenumi. Tiam mi, kiel prezidanto de Urala Esperantista Societo (UES), tuj komencis esplori lokajn eblojn por eventuala UK en Jekaterinburg.

Mi sendis oficialajn mesaĝojn al la urbestro kaj guberniestro kaj ricevis sufiĉe bonajn reeĥojn. Okazis telefona interparolo kun reprezentantino de la urba administracio. Mi respondis al multaj ŝiaj demandoj. Ĉefa demando estis: "Kie eblos trovi multajn interpretistojn?.. Kiam mi respondis, ke interpretistoj tute ne estas bezonataj, nia interparolo fariĝis pli interkomprenebla. Rezulte la urba administracio

pretas doni organizan subtenon. Al 2010 oni konstruos almenaŭ du salonojn por ne malpli ol 2000 personoj en specialaj porkongresaj konstruaĵoj (eble eĉ al 2009). Jam estas ankaŭ projektoj por konstrui modernajn diversnivelajn hotelojn.

De la guberniestra administracio mi ricevis perpoŝtan respondon. Regiona vicministro pri la internaciaj kaj internaci-ekonomiaj ligoj laŭ komisio de la guberniestro informis: la gvidantaro de Sverdlovska regiono pretas okazigi politikan subtenon por organizado de la Universala Kongreso de Esperanto en la ĉefurbo de Uralo. Poste estis bona persona konversacio kun reprezentanto de ĉi ministerio. Mi informis lin, ke financa subteno bezonatas unuavice por prezenti diversmaniere en diversaj sferoj mem Jekaterinburgon kaj Uralon, por plialtigi ĝian internacian signifon en la rolo de interesa vizitinda regiono. Li konsentis kaj diris, ke post 2009 ĉio povos ŝanĝiĝi al bona direkto rilate la buĝeton. Ĉi ministerio pretas daŭrigi laboron kun ni pri la afero, kiam aperos realaj konkretaj proponoj.



МИНИСТЕРСТВО
МЕЖДУНАРОДНЫХ И
ВНЕШНЕЭКОНОМИЧЕСКИХ СВЯЗЕЙ
СВЕРДЛОВСКОЙ ОБЛАСТИ

620031, г. Екатеринбург, пл. Октябрьская, 1
Тел.: 217-86-72, Факс: 217-89-11, r66@midural.ru

12.01.07г. № ММ-04-2978/7

На №________ от ____________

Президенту общества уральских эсперантистов

В.А. Терёхину

По поручению Губернатора Свердловской Области информирую Вас о том, что руководство Свердловской области готово оказать политическую поддержку проведению Международного конгресса Эсперантистов в столице Урала. Оказание материальной поддержки не предусматривается статьями расходов областного бюджета.

С уважением,

Заместитель министра Б.П. Шипицин

*la respondo, ricevita el la regiona administracio*

Do, oni povas konstati, ke unuaj tri kondiĉoj laŭ A.Grigorjevskij estos post 2010 plenumitaj. Plue, pri turismo. Unue: interesaj kaj pitorskaj lokoj, signifaj geografie kaj historie, multas. Due: du niaj esperantistinoj gvidas turismajn firmaojn. Krom tio, ni havas bonajn rilatojn kun direktoro de Domo de Paco kaj Amikeco, kiu organizas, enkadre de regionaj projektoj, diversajn internaciajn programerojn kaj gvidas Regionan Turisman Union.

Pri la volontuloj. Unuavice ni devas paroli pri gejunuloj. En nia urbo naskiĝis nova junulara klubo "Arĝenta flamo", kiu funkcias en Pedagogia Universitato. Ni esperas, ke ĝia anaro de jaro al jaro plimultiĝos. Krome, proksime ekzistas Tjumena Junulara E-klubo, kun kiu ni havas bonajn kontaktojn. Sen junaj volontuloj ni ne restos.

Do, anticipaj kondiĉoj por organizi UK en nia urbo ekzistas. Niaj kontaktoj kun instancoj estas same anticipaj. Se Jekaterinburg sukcesos kandidatiĝi por UK, ni daŭrigos laboron kun ili. Ni volas starigi kontaktojn ankaŭ kun reprezentanto de la Prezidento en nia federacia arondismento. Necesas esplori eblecojn okazigi diversajn programerojn dum UK kaj antaŭ ĝi. Tamen ĉefa laboro eblos nur post kongreso de Ŝanĥaja Organizo pri Kunlaboro, kiu okazos en nia urbo en 2009. Lokaj instancoj jam nun intense okupiĝas pri ĝi.

Reale ni povos pensi pri la jaroj 2012 – 2014.

***Vladimir Terjoĥin (Jekaterinburg)***

## REZOLUCIO
## DE LA 92-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

*La 92-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Jokohamo (Japanio) de la 4-a ĝis la 11-a de aŭgusto 2007 kun 1901 partoprenantoj el 57 landoj, kun la temo "Okcidento en Oriento: akcepto kaj rezisto",*

***Konstatinte,*** ke ideoj kaj influoj moviĝas ambaŭdirekte inter "Okcidento" kaj "Oriento", sed ke pro la aktualaj neegalecoj tiu reciprokeco iĝis nevidebla,

***Konstatinte,*** ke tiu sama kaŭzo malhelpas ankaŭ la fluon de ideoj kaj influoj inter aziaj landoj,

***Notinte,*** ke tro rigidaj konceptoj pri "Okcidento" kaj "Oriento" malhelpas interlokajn dialogojn, kaj

***Notinte*** kun kontento, ke la jaro 2008 estas proklamita fare de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj kiel Internacia Jaro de Lingvoj,

***Rekomendas,*** ke la rilatoj inter civilizoj kaj kulturoj baziĝu ne sur konflikto sed sur interkompreniĝo, justeco kaj paco,

***Konfirmas*** la potencialon de Esperanto por interponti homojn de diversaj lingvoj kaj kulturoj,

***Atentigas*** samtempe pri la akuta neceso konsciiĝi pri interkulturaj problemoj en kaj ekster la Esperanto-komunumo, kaj rilati kun instancoj kaj asocioj kiuj jam okupiĝas pri tiaj problemoj,

***Deklaras,*** ke la ekesto de regiona kunlaboro ankaŭ en Azio kaj aliaj mondopartoj estas esenca antaŭkondiĉo por la plua disvolviĝo de Esperantaj agadoj tie,

***Esprimas*** la senkondiĉan subtenon de la Esperanto-komunumo al vera plurlingvismo kiel rimedo por akceli unuecon en diverseco, kaj kuraĝigas esperantistojn energie labori por la plenumo de la celoj de Unuiĝintaj Nacioj por la Internacia Jaro de Lingvoj.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## EN 2009 UK OKAZOS EN BJALISTOKO

La nova Estraro de UEA decidis en sia kunsido la 9-an de aŭgusto en Jokohamo, ke la 94-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Bjalistoko, Pollando, por omaĝi la 150-an datrevenon de la naskiĝo de d-ro L.L.Zamenhof en lia naskiĝurbo mem.

La urbestro de Bjalistoko, d-ro Tadeusz Truskolaski ĉeestis la kunsidon, kune kun la prezidantino de Bjalistoka Esperanto-Societo, s-ino Elżbieta Karczewska, kaj s-ro Aleksander Zdechlik, kiu reprezentis la Ĉefan Estraron de Pola Esperanto-Asocio. D-ro Truskolaski transdonis al la Estraro alvokon de bjalistokanoj por

okazigo de UK en ilia urbo. Dum unu semajno ĉ. 3500 personoj subskribis la alvokon. Krom entuziasman akcepton de la urbanoj, la urbestro promesis vastan apogon de la urbo al la organizado de la kongreso.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## STATISTIKO DE LA 92-A UK




Al la 92-a Universala Kongreso de Esperanto en Jokohamo aliĝis 1901 esperantistoj el 57 landoj. La dua UK en Japanio estis do pli multnombra ol la unua, kiu okazis en Tokio en 1965 kaj arigis 1710 aliĝintojn. En Jokohamo ĉeestis krome 160 personoj, kiuj aĉetis 196 unutagajn kartojn. La oficiala statistiko de UK-aliĝintoj tamen ne inkluzivas aĉetintojn de unutagaj kartoj. Plej multe da kongresanoj, 1024, liveris la gastiganta lando Japanio. Minimume 10 aliĝintoj venis el Francio (94), Korea Respubliko (91), Germanio (62), Ĉinio (57), Litovio (49), Italio (46), Rusio (35), Pollando kaj Usono (po 34), Brazilo kaj Nederlando (po 32), Britio kaj Hispanio (po 24), Irano kaj Svedio (po 19), Finnlando, Kroatio kaj Svislando (po 18), Aŭstralio, Belgio kaj Bulgario (po 16), Ĉeĥio (12), Hungario kaj Israelo (po 11), Slovakio kaj Vjetnamio (po 10).

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## REU-ARANĜOJ EN 2008 KAJ POSTE

Do, nun la situacio estas jena:

**EoLA.** La festivalo estas planata en Ĉeboksari en februaro 2008. Eventuale kunokazos ankaŭ REK aŭ almenaŭ REU-Konferenco – kun reelektoj.

**OkSEJT.** Denove ne estas iuj konkretaj planoj pri OkSEJT por la somero 2008. Eble oni eĉ ne plu provu ĝin vivigi, sed subtenu regionajn junularajn aranĝojn, kiel "VsPlesk" en meza Rusio kaj "Akvomelona gustumado" en Volgogrado. Tiukaze la rolon de OkSEJT plene transprenu RET.

**RET.** Por RET venis unu propono: okazigi ĝin denove apud Volĵskij. Estas ankaŭ ebleco okazigi ĝin en Ĉuvaŝio (kie en 2005 pasis OkSEJT) aŭ en la bazejo "Kustorka" en Niĵnij-Novgoroda regiono (kie pasis OkSEJT en 1991). Sed ankoraŭ nenio konkreta, dum tre multaj potencialaj partoprenontoj jam planas iri al UK en Roterdamo. Kaj, tre verŝajne, multajn logos IJK, kiu laŭ la lastaj sciigoj okazos en Hungario.

**IET.** Estas ideo fine de junio – komence de julio 2008 okazigi en Krimeo komunan aranĝon, kiu provizore nomiĝas "Internaciaj Esperanto-tagoj". Kaze se

troviĝos tre taŭgaj kondiĉoj kaj neceso ĝi povus esti ankaŭ anstataŭaĵo de RET.

Pri la postaj jaroj:

**2009:**

– RETon ŝatus inviti la tiĥvinanoj;

– “Internaciaj E-tagoj”, se la aranĝo sukcesos kaj pluvivos, gastos en Gelenĝik.

> Post multaj jaroj da uzado la kutima oficiala retadreso de REU <esperanto@au.ru> estas ŝanĝita al la adreso <esperanto@reu.ru>. Tiu adreso estas jam sciigita al UEA.

**2010:**

– REK-on invitis iniciata grupo de peterburgaj esperantistoj (subskribis Anatolij Sidorov) – por festi la centjariĝon de la unua Ruslanda Kongreso de Esperantistoj, kiu okazis en 1910;

– IET reirus al Krimeo (certe, se la aranĝo pluvivos).

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## ĈALK-EKZAMENOJ

La 19-an de septembro en Moskvo okazis A-nivelaj ekzamenoj de ĈALK, la ekzamena komisiono – Irina Gonĉarova kaj Nikolao Gudskov. Ekzameniĝis du moskvanoj: Sergej Orlov – “bone”, Anna Vibornova – “kontentige”.

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

## LA NOVA ESTRARO DIVIDIS TASKOJN

La membroj de la nova Estraro de UEA, elektita en la UK en Jokohamo, decidis pri disdivido de ĉefaj respondecoj. Prezidanto Probal Dasgupta (Hindio) respondecos pri kunordigo kaj ĝenerala planado de la agado. Vicprezidanto Ranieri Clerici (Italio) gvidos la eksterajn rilatojn de la Asocio, dum la reelektita alia vicprezidanto Claude Nourmont (Luksemburgio/Francio) plu respondecos ankaŭ en la nova Estraro pri edukado, kulturo kaj kongresoj. Barbara Pietrzak (Pollando) okupiĝos, krom pri kutimaj taskoj de la ĝenerala sekretario, ankaŭ pri informado. Loes Demmendaal (Nederlando) estos estrarano pri financoj kaj administrado. Pri landa kaj regiona agado respondecos Hori Yasuo (Japanio), dum José Antonio Vergara (Ĉilio) ekgvidis la fakan kaj scienca agadon de UEA.

La estraranoj dividos inter si poste ankoraŭ diversajn specifajn taskojn. Dum la proksimaj monatoj ili ankaŭ elektos multajn komisionojn kaj komisiitojn.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## HONORIGOJ EN UEA

En la 92-a Universala Kongreso en Jokohamo UEA ricevis du novajn Honorajn Membrojn. Pro iliaj gravaj servoj al la tutmonda Esperanto-movado la Komitato de UEA distingis d-ron Endre Dudich el Hungario kaj prof. Konisi Gaku el Japanio.

D-ro Dudich naskiĝis en 1934 kaj laboris profesie kiel geologo, i.a. ĉe Internacia Unio de Geologiaj Sciencoj en Parizo. Li estis i.a. membro de la Komisiono de UEA pri Scienca kaj Faka Aplikado de Esperanto kaj vicprezidanto de Hungara Esperanto-Asocio. Liaj ĉefaj Esperantaj verkoj estas la geologia lernolibro “Ĉu vi konas la teron?” kaj la sciencfikcia romano “La lumo nutranta”.

Konisi Gaku, universitata profesoro pri fiziko, naskiĝis en 1934. Li estas prezidanto de la Kansaja Ligo de Esperanto-Grupoj kaj longtempa juĝanto de la Belartaj Konkursoj de UEA. Li multe tradukis, i.a. “La neĝa lando” de Kawabata Yasunari kaj “Nokto de la Galaksia Fervojo” de Miyazawa Kenzi. De li aperis la originalaj prozaĵoj “La kosmoŝipo Edeno n-ro 5” kaj “Vage tra la dimensioj”. En 2006 aperis ampleksa “Esperanto-japana vortaro”, kies redaktan komitaton li gvidis.

En Jokohamo la Komitato starigis ankaŭ novan formon de honorigo, Diplomon pri Elstara Agado, pri kies aljuĝo decidas la Estraro. Ĝiaj unuaj ricevantoj estas la germana Interkultura Centro Herzberg kaj s-ro Donald J. Harlow el Usono. La Centro en Herzberg famiĝis en la E-movado pro sia aktiva kaj altkvalita agado, kies elstara frukto estis la decido de la urbo Herzberg oficiale deklari sin Esperanto-urbo. S-ro Don Harlow estis diplomita pro la pionira E-aktivado en Interreto.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## ESPERANTO-KONFERENCO EN UKRAINIO




Por multaj esperantistoj tiu evento, eble, ne estas ia eksterordinara. Pli-malpli ofte en la mondo okazadas similaj aranĝoj. Sed por nia lando, laŭ mia opinio, tio vere estis siaspece impona aranĝo. Ĝi okazis en la urbo Ternopil fine de junio (29 – 30), havis la titolon “Esperanto en la 21-a jarcento; nuna stato kaj perspektivoj de ĝia evoluo” kaj estis dediĉita al 100-jariĝo de la unua lernilo por ukrainoj “Lernolibro de la Internacia Lingvo Esperanto”, kies aŭtoro estis Myĥajlo Jurkiv.

Al la partoprenintoj de la Konferenco sendis sian saluton Prezidanto de UEA Renato Corsetti.

Entute por la Konferenco estis prezentitaj dudeko da materialoj de dudeko da esperantistoj. Ĉefaj temoj estis literaturaj kaj movad-historiaj. Post la Konferenco la organizantoj sukcesis eldoni 96-paĝan libreton kun materialoj de la Konferenco (ĉefe ukrainlingve, sed ankaŭ Esperante).

Ni esperu, ke tiu imitinda aranĝo okazos ankaŭ estonte.

***D.Cibulevskij (Ukrainio)***

## MARVIN STANLEY FORPASIS

La 12-an de aŭgusto en Portadown, Norda Irlando, post longa elĉerpa malsano forpasis Marvin H. Stanley. Li naskiĝis la 20-an de oktobro 1953. En 1975 li diplomiĝis pri ekonomiko kaj kontado, kaj en 1984 ankaŭ kiel bibliotekisto kaj informadikisto. Servinte kiel ŝtatoficisto en Belfasto, ekde septembro 1986 Marvin Stanley laboris en la Centra Oficejo de UEA kiel ĉefkontisto. Dum multaj jaroj li gvidis ankaŭ la agadon de “Espermenso”. Unu el liaj ŝatokupoj estis ĝardenado, kaj tial li volonte pasigis sian malmultan liberan tempon prizorgante la ĝardeneton de la UEA-domo.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## PRI LA NOVA KOTIZTABELO DE REU

Dum RET-07 la ĉeestintaj estraranoj de REU pridiskutis kaj akceptis la kotiztabelon de REU por 2008. La baza kotizo por individua membreco kreskis de 80 ĝis 100 rub., la kotizoj por la aligitaj kaj familiaj mebroj – de 30 ĝis 35 rub.

Novaĵo en la nova kotiztabelo estas ankaŭ la ebleco rabatite aboni revuon "Komencanto", kiu de multaj jaroj estas eldonata en Jekaterinburg de Viktor kaj Raja Kudrjavcev-oj. Dum la kunveno en RET la Estraro decidis subteni la eldonon.

Ĉar la elektita antaŭ preskaŭ jaro estraro de REJM ĉesis funkcii, estis akceptita decido restarigi la agadon per nomumo de nova komisiito pri REJM – tiu estas Aleksandr Osincev (Jekaterinburg). Li kunordigos la REJM-aferojn ĝis la iamaj reelektoj kaj prizorgos kurantajn demandojn. En la REJM-sekcio de REU nun membras preskaŭ 130 personoj.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## NOVAJ REU-MEMBROJ POR 2007

**DUMVIVA MEMBRO**

*Pikov Gennadij (Novosibirsk)*

**INDIVIDUAJ MEMBROJ**

*Borodin Aleksej (Krasnodara reg.), Samodurov Kirill (Moskvo), Volnuĥina Jekaterina (Perma reg.)*

**FAMILIA MEMBRO**

*Puŝkarskaja Valerija (Dimitrovgrad)*

**ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ**

**Jekaterinburga E-klubo "Arĝenta flamo"** (7 membroj, la listo dume mankas)

**Moskva EK-MASI** (+10 novaj membroj): *Cobb Steve, Ĉerniŝova Oljga, Gonĉarova Svetlana, Graĵdanova Oksana, Ĥlabistov Georgij, Ĥoĥluŝkina Varvara, Naumenko Olesja, Talancev Aleksej, Talanceva Oljga, Voronova Nadeĵda*

**Samara E-organizo** (+5 novaj membroj): *Fejgin Igorj, Korĥov Jevgenij, Medvedev Kirill (kandidato), Medvedeva Natalja, Poljanskaja Jelena*

Plena aktuala listo de la membroj troveblas en la ttt-ejo de REU laŭ la adreso <http://reu.ru/index.php?dok=membrolisto>.

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2008

**Individua kotizo** – 100 rubloj (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 10 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM.

**Dumviva kotizo** – 2500 rub. (por Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por ceteraj landoj – 250 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 35 rub., por familianoj de membro paginta individuan aŭ dumvi-

van kotizon kaj loĝanta samadrese (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM).

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Subtenkotizoj** (ĉio sama kiel por individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – duobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 35 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en aranĝoj de REU/REJM por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 200 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 200 rub. (ekster Rusio – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

**Rabatita abono de "Komencanto" –** 180 rub. (nur en Rusio), por ĉiuj membroj.

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Baniko: Mi timas.
Kruko: Pri kio?
Baniko: Pri morgaŭ.
Kruko: Kio okazos morgaŭ?
Baniko: Ĝuste jen la problemo – neniu scias!
Kruko: Ĉu hieraŭ vi timis pri hodiaŭ?
Baniko: Jes.
Kruko: Kaj mi supozas ke morgaŭ vi timos pri postmorgaŭ, ĉu?
Baniko: Diable, mi eĉ ne pensis pri tio!
Kruko: Do, mi sugestas ke hodiaŭ vi timu pri ambaŭ, kaj morgaŭ vi povos ripozi...

***(esperanto-anekdotoj)***

Aliĝilon, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo kaj "Komencanto" sendu (poŝtmandate) al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. (Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <membreco@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso.)

# Eksciu, ke...

## ARANĜO DE EK MASI "NE NUR EN LA ANGLA"

Belegan aŭtunan tagon, dimanĉe, la 30-an de septembro, en la moskva parko "Caricino" EK MASI okazigis la aranĝon, dediĉitan al la Eŭropa Tago de Lingvoj (ETL), deklarita de Eŭropa Konsilio por la 26-a de septembro. En neformala etoso ni parolis pri la bazaj sloganoj de la ETL, kiuj plene kongruas kun la ideoj de la E-movado kaj de la ĉefa nia porsocia agado – Lingvaj Festivaloj.

Jes, ni estas por: 1/ la lingva diverseco en la mondo, 2/ la pureco de la naciaj lingvoj kaj 3/ lingvolernado tra la tuta vivo.



Dum preskaŭ du horoj ni, sidante ronde sur la herbejo, kantadis kaj deklamis en diversaj lingvoj, respondis demandojn de la prilingva kvizo, skribadis la vorton "Saluton!" en tiuj lingvoj, en kiuj povis, reklamis la 2-an MLF, okazontan la 28-an de oktobro, disdonadis bildkartformajn flugfoliojn kun E-gramatiko al ĉiuj ĉeestintoj kaj al interesiĝantaj preterirantoj. Pro tiu disdonado mi scias, ke en la aranĝon estis engaĝitaj ĉirkaŭ 120 homoj – ĉar tiom da flugfolioj estis distribuitaj.

Anonco pri la aranĝo kun la mencio, ke ĝin organizas junulara esperanta klubo EK MASI, aperis en du numeroj (№ 12 kaj 13, 2007) de la senpaga junulara gazeto "Akcija" (eldonkvanto – 200 000 ekz), kie laboras nia klubano. Malgraŭ ĝustatempe dissenditaj informoj por la gazetaro, venis eĉ ne unu ĵurnalisto, tamen la kursanino de FaRo, kiu laboras en la junulara ĵurnalo "Fanograf" intervjuis min kaj filmis la aranĝon.

Ĉi tie: <http://mirinda-strigo.livejournal.com/40623.html?view=225199> eblas vidi kelkajn fotojn pri la okazintaĵo.

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

## VLADIVOSTOKO PAROLIS ESPERANTE 4 TAGOJN



La 27-an de julio 2007 per trajno laŭ la vojo al la 92-a Universala Kongreso de Esperanto en Jokohamo Vladivostokon alvenis E-karavano gvide de Tatjana Loskutova. La karavano konsistis el 22 personoj: 17 el Francio, 2 el Nederlando, 1 el Italio kaj 2 el Rusio. Dum 4 tagoj ili estis akceptataj de Vladivostokaj geesperantistoj.

Okazis interkona vespero, aŭtobusaj kaj piedaj ekskursoj tra la urbo kaj ties ĉirkaŭaĵoj, vizito al la Regiona muzeo k.a. La restado en Vladivostoko sukcese koincidis kun la festo de Milit-mara floto dum kiu la vizitintoj ĝuis etoson de la festo akompane de la lokaj esperantistoj. La 30-an de julio la karavano per la ŝipo "Rusj" fornavigis al Japanio.

Por efektivigi la viziton multe helpis la Regiona Packomitato, Urba Administrejo, For-Orienta ŝtata Teknika Universitato kaj Regiona muzeo nome de Arsenjev. La regionaj ĵurnalo "Vladivostok" kaj agentejo "RIA-Novosti" volonte informis pri la vizito. Vidu <http://vladnews.ru/2182/Obrazovanije_nauka/Vladivostok_budet_govorit_na_esperanto_chetyre_dna> kaj <http://dv.rian.ru/society/20070727/81585210.html>.

***Aleksandr Titajev (Vladivostok)***

## ARKONES 2007

La 21-23-an de septembro en la pola urbo Poznan okazis tradiciaj jam la 23-aj Artaj Konfrontoj en Esperanto ARKONES 2007. La forumon partoprenis pli ol 200 esperantistoj el minimume 25 landoj. ARKONES estas la plej altnivela, unika kaj prestiĝa sendependa arta, kultura kaj movada esperantista aranĝo en Orienta Eŭropo. Ĝi certe estas unu el la plej grandskalaj manifestacioj de Esperanto-kulturo. Ĉi-foje ĝi okazis sub aŭspicioj de UEA kaj de Pola Esperanto-Asocio. La aranĝon partoprenis kaj kontribuis al la programo multaj elstaraj kulturaj kaj movadaj personoj – ĝenerala sekretario de UEA Barbara Pietrzak, ĝenerala direktoro de UEA Osmo Buller, redaktoro de "Esperanto" Stano Marĉek kaj multaj aliaj. Lige kun la okazonta Universala Kongreso de Esperanto en 2009 en Bjalistoko la aranĝon partoprenis grupo de bjalistokaj esperantistoj kaj vicurbestro Aleksander Sosna.

En la tre intensa kaj riĉa programo de la aranĝo estis multaj altnivelaj prelegoj, diskutoj, filmprezentoj, koncertoj, renkontiĝoj, ekspozicioj, laborgrupoj, prezentiĝo de Esperantaj eldonejoj kaj gazetoj, kvizoj, spektakloj, oratora konkurso k.t.p. Al la partoprenantoj prelegis Claude Piron, Aleksander Korĵenkov, Istvan Ertl, Tomasz Chmielik, Reza Torabi, Zsofia Kóródy, Lidia Ligeza, Ryshard Rokicki, Ilona Koutny, Katarzyna Tempczyk, Peter Baláž, Judita Rey Hudecek, Edward Malewicz, Halina Komar, Kazimierz Leja, Lu Wunsch-Rolshoven, Maria Majerczak k.a.

Antaŭ ARKONES 2007, kiel kutime, la 14-21-an de septembro pasis aŭtuna sesio de la Interlingvistikaj Studoj en la universitato Adam Mickiewicz. Estis prelegoj pri komunikado, lingvistiko kaj lingvopedagogio. Enkadre de lingvopedagogia specialiĝo destinita al instruantoj kaj instruontoj de Esperanto kunlabore kun ILEI okazis kursaro por instruistoj. La kursaron gvidis konata esperantista pedagogo Katalin Kovats el Nederlando.

***(esper-inform)***

## REMEMOROJ PRI BARLASTONO

Al mi ŝajnas ke ni vivas nun en tre interesa tempo. Nia lando disvolviĝas, kaj ĉio ŝanĝiĝas kun nekutima rapideco. Eĉ nia kara Niĵnij Tagil plibeliĝas de jaro al jaro. Ne ĉiuj ŝangoj estas la plej bonaj, tamen hodiaŭ mi volus priskribi pozitivajn momentojn, kiujn ni gajnis dum lastaj dudek jaroj. Tio estas ebleco vojaĝi. Certe, se oni havas monon. Kiam ni vivis en Sovetunio, mi apenaŭ povus revi ke mi iam veturos al Britujo aŭ alia eŭropa lando memstare, ne kiel membro de sovetia turista grupo. Britujo estis ĉiam pli alloga al mi, ĉar mi estas instruisto pri la angla lingvo.

Ĉi-jare ni (mia edzo Sergej kaj mi) decidis partopreni la Someran Festivalon en Barlastono. Rete mi kontaktis kun Viv O'Dunne pri la kondiĉoj kaj la programo. Verdire, mi intencis refreŝigi mian parolpraktikon en Esperanto (ĉar mi aktivis pri nia lingvo internacia antaŭ preskaŭ dudek jaroj) kaj ferii samtempe. Mia edzo apogis min pri la ideo ferii en Anglujo. Barlastono (Staffordshire) estas kvieta pitoreska loko kun belega naturo, kiu konvenas ideale por ripozo. Ni loĝis en hotelo, konstruita en la 19-a jarcento, malgraŭ tio la kondiĉoj estis tre komfortaj. En aŭgusto funkciis hejtado!



Entute kolektiĝis iom pli ol dudek homoj, plejparte mezaĝuloj. La renkontiĝon estris Paul Gubbins, kiu ĉiam substrekis, ke pli gravis la alta kvalito de la lingvoposedo de la kolektiĝintoj ol la kvanto de esperantistoj. Unu el la sesioj okazis en La Esperanto Domo (House) kun grandega fama

biblioteko de Butler, kiu enhavas pli ol 23 000 librojn. Tie ni trovis ne nur klasikajn verkojn, sed ankaŭ verkaĵojn de rusaj esperantistoj, inkluzive la nuntempajn. Ekzemple, mi foliumis la tradukon de “Malvivaj Animoj” de Gogol, kiun faris mia samurbano V.Viĉegĵanin. Mi volus mencii pri unu interesa fakto. Partoprenanto el Irlando John Murray laboris en biblioteko kun la Evangelio, tradukita kaj tajpita de Zamenhof per speciala tajpilo kun la supersignitaj leteroj. Li malkovris en la Evangelio paĝojn kie sur la dorsa flanko Zamenhof skribis siajn kuracistajn atestojn pri la malsanuloj ruslingve, kaj ni vidis la aŭtentikan aŭtografon de la Majstro. Verŝajne papero mankis, kaj Zamenhof uzis la dorsan flankon de malnetoj.

La programo estis sufiĉe tradicia: lecionoj por komencantoj kaj progresantoj, diskutoj kaj vesperaj aranĝoj kun prelegoj. Tamen la tradician fluon de la Festivalo interrompis evento eksterordinara. La fama Brita Radia kaj Televida Kompanio BBC venis por fari filmon pri Esperanto. Do, kvar BBC-anoj pasigis duontagon kun esperantistoj, observante la aktivadon de la homoj kaj intervjuante kelkajn el ili. La saman tagon ni ekskursis al la Simia Arbaro (nacia parko kie simioj loĝas en la arboj kaj promenas sentime en naturaj kondiĉoj).




La antaŭlastan tagon kronis distra vespero. Ni ĝuis la pian-, saksofon- kaj flutludadon, sufiĉe profesian. Oni prezentis skeĉojn, proprajn verkojn (prozajn kaj versajn). Estas konata fakto, ke la angloj estas diskretaj homoj, tamen ili estis tre emociaj kiam partoprenis la diskutadojn aŭ prezentis siajn verkojn dum la distra vespero. La instruistoj (Jack Warren, Malcolm Johnes) instruis tre vigle kaj eĉ aktore. Tamen kiam ili parolis unu al la alia aŭ kun ni, la voĉoj sonis tiel trankvile, kvazaŭ nenio interesis ilin. Bedaŭrinde, ni ne kontribuis al la programo, ĉar ni decidis ekskursi al Ĉester, ŝajne la plej antikva urbo en Anglujo, en kiu ni sentis nin kiel en fabellando. Ni ekskursveturis tra la urbeto per duetaĝa buso kaj ĝuis fantazian por Britujo veteron. Ni promenadis laŭlonge de la kanalo, kafejumis, gustumis ekzotikan glaciaĵon, butikumis, akirinte suvenirojn kaj librojn.

Aparte necesas mencii pri la kuirarto de la Barlastona manĝejo. Ni ĝuis tradiciajn anglajn manĝaĵojn, kiuj abundis kaj variis. Interalie, la manĝejo estis ne nur loko por manĝado, sed ankaŭ la ejo por babilado kaj diskutado pri agrablaj bagateloj en kutima esperantista etoso. La anglaj esperantistoj estas tre disciplinitaj homoj, kiuj neniam krokodilis (David Kelso uzis la vorton “aligatoris” por eksterlandanoj). Cetere, David Kelso estas la majstro de vorto, ŝerco kaj spritaĵoj, laŭ nia opinio. Mi menciu, ke mia edzo kaj mi sufiĉe ofte malobeis la leĝon, kio, verŝajne, iomete streĉis kelkajn homojn. Tamen, la Somera Festivalo inspiris Sergeon trovi

tempon por lerni Esperanton estonte kaj aktivi en Esperantujo.

Konklude mi volus danki ĉiujn britajn esperantistojn por la gastado, ĉar ĉiuj estis vere helpemaj kaj ĝentilaj. Ni ĝojas ke nia ferio en Britujo ne fiaskis, ni havis neforgeseblan vojaĝon kiu pliriĉigis nin per diversaj spertoj, kiuj faras nian vivon vivinda.

***Lidija Jerofejeva (Niĵnij Tagil)***

## "KLAKU" – LA INTERRETA SOCIA NOVAĴO-RETEJO

Ĝis nun la Esperanta blogaro ne estis rekte interkonektata. La nova socia retpaĝara projekto "Klaku", ekde ĝia komenco, celas esti centra deirpunkto el kie la reta engaĝiĝo povas kreski, kaj kune kun "Klaku" ĉiuj aliaj projektoj ankaŭ kreskos. La retejo permesas al vi publikigi artikolojn libere, kaj la uzantaro povos kaj elekti kaj klakumi viajn eldonojn, kiam la ligoj aspektos gravaj aŭ interesaj laŭ ili; ju pli da homoj klakumas iun artikolon, des pli alte tiu artikolo rangiĝos inter la aliaj. En "Klaku" ĉiuj rajtas publikigi novaĵojn aŭ artikolojn, videojn aŭ bildojn, skribi komentojn kaj komenti aliulajn komentojn, ktp... ĉiam libere kaj tute senpage. Vizitu, legu, skribu kaj klaku mem ĉe <http://www.klaku.net>.

***(tejo-aktuale)***

## EKONOMIA FORUMO EN KRYNICA

La 5-8-an de septembro en pola urbo Krynica okazis tre grava internacia aranĝo, la 17-a tiel nomata Internacia Ekonomia forumo, alie neoficiale nomata "la orienteŭropa Davos". Jam la duan fojon en tiu ĉi forumo reprezentiĝas Eŭropa Esperanto-Unio (EEU). Ĉi-jare tiu ĉi reprezentiĝo estis aparte elstara kaj sukcesa.

La ĉeftemo de la forumo estis "Eŭropo – krizoj, ŝanĝoj aŭ ŝanco?". Enkadre de la programo de la forumo estis aranĝita podia diskuto laŭ la temo "Eŭropa Unio – lingva komunikado. Krizoj aŭ ebloj?". La forumon partoprenis Nobelpremiito pri ekonomio en 1994 konata esperantisto prof. Reinhard Selten, kiu entute havis kvar programerojn (parolo en tiu podia diskuto, prelego por junaj gvidantoj, parolo en paneldiskuto laŭ la temo "Eŭropa konkurenceblo en la globaliĝanta mondo" kaj aparta aŭtora vespero). Ĉar en tiu forumo la unuan fojon partoprenis Nobelpremiito, tio multe altiris atenton de la publiko. Ĉie prof. Reinhard Selten pledis por Esperanto.

Krome, en la podia diskuto partoprenis prezidanto de EEU irlanda diplomato d-ro Seán Ó'Riain, vicrektoro de Lublina teknika universitato prof. Witold Stępniewski, entreprenisto Etsuo Miyoshi el Japanio, d-rino Barbara Despiney el Francio kaj Aida Čižikaite el Litovio. En tre bone situanta loko – tuj kontraŭ la ĉefa enirejo al la konferenca palaco – estis konstante funkcianta budo de EEU, kie oni disdonis kaj vendis materialojn pri Esperanto en pluraj lingvoj (ĉefe en la tri oficialaj lingvoj de la forumo – pola, rusa kaj angla).

Inter la publiko de la Ekonomia forumo estis amaso de internacie konataj kaj altrangaj homoj el multaj (precipe mezeŭropaj kaj orienteŭropaj) landoj (eksprezidentoj, ŝtatgvidantoj, membroj de Eŭropa komisiono, ministroj, diplomatoj, politikistoj, parlamentanoj, sciencistoj, entreprenistoj k.s.). Partoprenon de EEU en

la forumo finance subtenis ESF (Esperantic Studies Foundation), japana mecenato Etsuo Miyoshi kaj UEA. Plej multe por la reprezentiĝo de EEU en la forumo kontribuis esperantistino el najbara urbo Novy Sącz Halina Komar, kiu antaŭnelonge estas elektita nova prezidanto de Pola Esperanto-Asocio. Budon de EEU prizorgis ties estrarano de EEU Peter Baláž el Slovakio, deĵoris tri junaj polaj esperantistoj. Partoprenis ankaŭ iom da polaj kaj eksterlandaj esperantistoj, entute ĉirkaŭ 25 personoj.

***Povilas Jegorovas (Litovio)***

## LINGVOFESTIVALO EN KOPENHAGO

La 15-an de septembro okazis lingvofestivalo, iniciatita de Kopenhaga Esperanto Klubo en kunlaboro kun La Gronlanda Domo. Ĝi okazis por la dua fojo kaj ofertis prelegojn pri lingvoj, budojn kaj standojn kun libroj, periodaĵoj, sonbendoj, muziko kaj kantoj. Oni montris filmojn kaj okazigis Esperantan lingvan konkurson kun premioj. Oni povis konatiĝi kun preskaŭ dudeko da lingvoj: gronlanda, nederlanda, angla, franca, hispana, itala, romanĉa, latina, serbokroata, pola, latva, jida, Esperanto, persa, puŝtua, maŭritaniaj lingvoj, karibia, kreolfranca, somalia.

La lingvaj prelegoj okazis paralele en pluraj ĉambroj kaj daŭris duonhoron. Oni povis aŭskulti la muzikgrupon "Esperanto Desperado" kaj aliajn spertajn muzikistojn.

La konata dana gazeto "Information" skribis unupaĝan artikolon pri la festivalo, substrekinte ke ne temas pri Esperanto-festivaloj, kvankam Esperanto-parolantoj aranĝas ilin, sed temas pri ĝenerale lingvaj festivaloj kaj ankaŭ temas pri aŭtenta klopodo por egalrajtigi la lingvojn kaj konservi la lingvan diversecon en la mondo. La slogano de la festivalo estis ja "Lingvo kiel riĉfonto – ne kiel problemo", emfazante lingvajn rajtojn por ĉiuj, sendepende de nombro de parolantoj kaj la fakton, ke se malaperas lingvo, malaperas kulturo.

La loka televido filmis la prelegon pri Esperanto kadre de planata 15-minuta programo pri Esperanto, kiu aperis post unu semajno. Entute sukcesplena aranĝo por la multaj gepatraj lingvoj!

***(landa agado)***

> Kruko estas testata per detektilo de malvero. Oni klarigas:
>
> – Ni vortumos demandojn, kiujn vi devos respondi. Se vi diros veron, eklumos la verda lampo, se ne – la ruĝa. Ĉu vi komprenis?
>
> – Jes!
>
> Eklumas la ruĝa lampo.
>
> ***(per-esperanto-humuro)***

## "ARTA LUMO" KAJ BET EN KALININGRADA TAGĴURNALO

La 11-an de aŭgusto en "Kaliningradskaja Pravda", la plej legata tagĵurnalo en Kaliningrada regiono, aperis mallonga artikolo "Solo en Esperanto". Kaliningrada ĵurnalistino Irina Klimoviĉ rakontis pri la partopreno de Aleksander Korĵenkov kaj Natalja Striĵnjova en la festivalo "Arta Lumo" (Kuopio, Finnlando). Ŝi aparte akcentis, ke en Kuopio Natalja unuafoje prezentis solkoncerton en Esperanto kaj en aliaj lingvoj. Ĝi estas la dua lastatempa priesperanta artikolo de Irina Klimoviĉ en "Kaliningradskaja Pravda". La 31-an de julio sub la titolo "Sen lingvaj baroj" ŝi

mallonge prezentis la 43-ajn Baltiajn Esperanto-Tagojn (Šiaŭliai, Litovio), en kiuj aktive partoprenis grupo da kaliningradaj esperantistoj. Ĉi tiun artikolon garnas foto de Choe Taesok.

***(esperanto-rus-informoj)***

## INVITO AL LA 6-A NR

Jam pasis la someraj renkontiĝoj, la suno brilas malpli forte, necesas vesti sin pli varme, la tagoj mallongiĝas – aŭtuno venas nun (nu, en la norda parto de la Tero). Sed ne necesas perdi la esperon, post la grizeco venos novaj renkontiĝoj, eĉ dum malhelaj tagoj de decembro ni povos ree vidi unu la alian kaj ree festi en internacia rondo. Mi do sincere invitas vin al la 6-a Novjara Renkontiĝo (NR) de la 27-a de decembro 2007 ĝis la 3-a de januaro 2008 (kun plilongigo, Post-NR, ĝis la 6-a de januaro) en Föckinghausen (100 km nordoriente de Kolonjo).

Kiuj venos? Multaj mezaĝuloj kun aŭ sen infanoj, tre bonvenas ankaŭ pliaĝuloj, junuloj kaj junaj plenkreskuloj – do miksita internacia rondo.

Kio okazos? Prelegoj, diversaj kursoj (ankaŭ lingvaj kursoj por komencantoj, progresantoj kaj konversacia rondo), promenoj, ekskursoj en la regiono, infana programo kun infana teatraĵo, plia teatraĵo, koncertoj, silvestra festo, magia vespero kun pluraj magiistoj ktp. Krome funkcios nia kafejo, kie vi trovos kunbabilantojn dum la tago kaj ĝis malfrue dum la vesperoj.

Ĉu vi havas pliajn demandojn? Eble metu ilin al iu el la partoprenintoj de antaŭaj jaroj aŭ al mi <lu2007@esperantoland.org>. Kaj se vi ne havas demandon? Rigardu nian retpaĝon <http://www.esperantoland.org/nr/>, decidu tie aliĝi. Ĉi-jare vi cetere povos malaliĝi ĝis la 10-a de novembro sen ajnaj kostoj.

En nia retpaĝo ankaŭ eblas elŝuti pdf-dokumenton kun la informilo kaj aliĝilo. Mi deziras al vi ĉion bonan kaj multan ĝuon en Esperantujo – en iu el niaj renkontiĝoj aŭ aliloke.

***Lu Wunsch-Rolshoven (Germanio)***

## INVITO AL TAKE

La Sepa Tutamerika Kongreso de Esperanto okazos de la 12-a ĝis la 18-a de julio 2008 en Montrealo kun la cefa temo "Ekosistemoj, lingvoj, kulturoj: diverseco por daŭripova evoluigo de la Amerikoj". La antaŭa Tutamerika kongreso okazis en 2004 en Havano, kaj denove en la venonta jaro la amerika Esperanto-movado subtene de la komisiono pri amerika agado de UEA kaj aparte de la kanadaj samideanoj sin preparas por tiu ĉi unika regiona renkontiĝo.

La urbo Montrealo kaj ties universitato de Kebekio ofertos malmultekostajn loĝejojn; la kongresa temo ebligos prezenti serion da prelegoj, tri- aŭ kvartagan "praktikumon", kun la celo pli konkrete kaj praktike studi kaj komprenigi la problemaron prezentatan, interalie kion ĝi praktike signifas por ni, esperantistoj. Laŭeble oni partoprenigos ankaŭ fakulojn eksteresperantujajn, kaj ne mankos kulturaj kaj klerigaj programeroj, ekskursoj kaj aliaj tradiciaj kongreseroj.

Per tiu ĉi alvoko ni elkore invitas ĉiujn esperantistojn, ne nur de la amerika kontinento, partopreni la tutamerikan kongreson en Montrealo en 2008, kaj ne nur

per fizika partopreno, sed ankaŭ per financa subteno, kiu ebligos la ĉeeston de kelkaj latinamerikanoj en tiu ĉi evento. Viaj kontribuoj por la sepa TAKE pere de la Amerika Fondaĵo ĉe UEA estos tre bonvenaj por realigo de tiu ĉi plano subvencii partoprenon de kelkaj latinamerikaj nepagipovuloj.

Pliajn informojn vidu ĉe: <www.take7.ca>. La lokan kongresan komitaton prezidas Edmond Brent, kiu pretas akcepti viajn demandojn.

***(landa agado)***

## ESPERANTISTECO DE INNOKENTIJ ĴUKOV

Pri la fama skulptisto Innokentij Ĵukov mi jam skribis (REGo, № 2 (33), 2006, pp. 19-20), rimarkigante, ke en multaj publikaĵoj oni nenie mencias pri lia esperantisteco. Sed serĉo kontinuis, kaj jen evidentiĝis, ke pri esperantisteco de I.Ĵukov estas informoj almenaŭ en du gravaj artikoloj. La artikoloj montras, ke I.Ĵukov estis ne nur fama skulptisto, sed ankaŭ fama esperantisto.

1) Membro de CK SEU N.V.Nekrasov en granda artikolo “Skulptisto-fantaziulo Inocento Ĵukov” (“Sennacieca Revuo”, № 9/1927, pp. 139-143) interalie informas:

– En 1921 en Ĉita Ĵukov presigis (en rusa lingvo kaj samtempe en Esperanta traduko) interesan poemon “Kastelo de la mia animo”, kie li esprimis la tutan mondon de siaj strangaj fantazioj. Ĵukov persone konas Esperanton <...> Krom la nomita pli supre broŝuro “Kastelo de mia animo”, <...> Ĵukov citas Esperanton en sia alia libreto “Vojaĝo de la junpionira taĉmento de la Ruĝa Stelo en la landon de mirakloj” – fantazia rakonto por la geknaboj. Ĵukov priskribas aventurojn de tiu taĉmento, subite sin retrovinta en lando de l’ Estonteco kun ĉiuj ĝiaj teknikaj perfektaĵoj. Okazas kongreso de la junaj pioniroj, kaj Esperanto estas vaste uzata de la gastoj el diversaj mondpartoj. Ĉio evidentiĝas nur sonĝo, sed la infanoj revekiĝinte konkludas: “Kaj tamen estas malbone, ke ni ne scias la lingvon esperanto, ja ĝi estas neanstataŭebla por la internaciaj kongresoj!”...

Certe estas granda merito de Ĵukov antaŭ Esperanto, ke li ne evitis okazon ĝin propagandi en populara libro.

Laŭ propra konfeso de Ĵukov, intereson al Esperanto vekis en li la skoltisma movado, pri kiu Ĵukov speciale okupis sin dum certa tempo. Kiel profesia pedagogo, amanta la infanaron kaj reamata de ĝi reciproke, Ĵukov entuziasmiĝis per la skoltismo kaj multe klopodis por ĝi. Tiarilate li publikigis multajn projektojn kaj prospektojn. Unu el ili sub titolo “J.N.Ĵukov. – La skoltismo malĝustigita kaj ĝusta” aperis ankaŭ en Esperanto en aprilo 1921 en Ĉita.

2) En la fino de la dua volumo de Enciklopedio de Esperanto (1-a eldono, eldjo “Literatura mondo”, Budapest, 1933-34) estas jena artikolo:

– Ĵukov Inokentij Nikolajeviĉ, pedagogo, fama skulptisto. Nask. <...> Unu el la iniciatintoj de skoltismo en Ruslando, kaj tiu de la nova revolucia junpionira movado. E-isto. Li menciis E-n en siaj verkoj.

Por detaloj bonvolu viziti <http://erbu.narod.ru/p1.html>.

***Ergard Budagjan (Moskvo)***

## SIMBOLO POR LA 100-JARIĜO DE UEA

19 aŭtoroj aŭ aŭtoraj duopoj el 12 landoj partoprenis la konkurson pri simbolo por la 100-jariĝo de UEA, festota en 2008. Preskaŭ ĉiuj sendis pli ol unu proponon aŭ plurajn variantojn de sama propono. Deklarante la konkurson la Estraro de UEA deziris, ke la simbolo "emfazu la 100-jaran historion de UEA kaj la aktualecon de ĝiaj celoj kaj idealoj", kaj ke ĝi estu "elvoka, laŭeble simpla kaj uzebla presite kaj elektronike".




Du UEA-Estraroj partoprenis en la prijuĝado. La malnova Estraro selektis kvin proponojn por la "finalo", lasante la finan decidon al la nova Estraro, elektita en Jokohamo. Tiu ĉi unuanime juĝis la verkon de Guillem Sevilla la plej taŭga. La laŭreato estas 24-jara grafika dezajnisto el Barcelono, membro de Kataluna Esperanto-Junularo.

Guillem Sevilla klarigas, ke la simbolo emfazas "per simpla kaj aktuala aspekto la tut-teran disvastiĝon de la neŭtrala lingvo Esperanto, atingitan grandparte danke al UEA". La simbolo "subtile rilatiĝas al tradiciaj esperantismaj identigiloj (stelo), sed ĝi uzas ankaŭ eksterajn identigilojn (parolvezikoj, kvin koloroj) rekoneblajn de la publiko, kiu ne konas la esperantistan heraldikon". La elektita emblemo ne havas unu fiksan formon, sed "temas pri fleksebla identiga sistemo kun senfinaj potencialaj variantoj depende de la bezonoj kaj rimedoj". Variantoj de la nova simbolo estas elŝuteblaj ĉe <http://www.uea.org/dokumentoj/simbolo/>.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## REKOMENCO DE RETAJ KURSOJ

Rekomenciĝis studa sezono en la prizorgataj de mi dissendolistoj ĉe la serviloj <Subscribe.ru>, <Content.mail.ru> kaj <Maillist.ru>. Sume ilin abonas preskaŭ 7 mil personoj, multaj el kiuj aliĝis antaŭ pluraj jaroj, sed daŭre restas abonantoj kaj tiel ligitaj al la movado.

En la nova sezono la abonantoj ricevos tute novan (kaj, honeste dirante, ankoraŭ ne finverkitan) "beletran kurson", kiu nomiĝas "Esperanto izuĉajetsja v subbotu" ("Esperanto lernata sabate"). Ĝi estas bazita sur motivoj de la fabela novelo de fratoj Strugackij "Ponedeljnik naĉinajetsja v subbotu" ("Lundo ekas sabate").

En la fikcia kaj aventurplena teksto la legantoj konstante renkontas E-vortojn, kiujn devas uzi aŭ studi la ĉefa heroo – kunlaboranto de Scienc-esplora instituto pri magio kaj sorĉado. Esperanto en la nova versio de la novelo estas prezentata kiel la nova lingvo de magio, kiu ebligas sorĉi pli kvalite ol per latino kaj aliaj ekzotikaj lingvoj.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2007

**POEZIO**

Unua premio: Anja Karkiainen (Finnlando) pro "En ambaŭ"; Dua premio: Michael Cayley (Britio) pro "Memoroj"; Tria premio: ne aljuĝita. Partoprenis 30 verkoj de 16 aŭtoroj el 13 landoj.

**PROZO**

Unua premio: Tim Westover (Usono) pro "Ruĝvela ŝipo"; Dua premio: Lena Karpunina (Rusio) pro "La botoj"; Tria premio: Sten Johansson (Svedio) pro "Frotvundo". Partoprenis 24 verkoj de 13 aŭtoroj el 11 landoj.

*Lena Karpunina*

**ESEO**

Unua premio: Geoffrey Sutton (Britio) pro "Pri la periodoj de la Esperanto-literaturo"; Dua premio: Paulo S. Viana (Brazilo) pro "Psiko-memhelpa literaturo: utila? senutila? malutila?"; Tria premio: Tony del Barrio (Hispanio) pro "La normala lingvo". Partoprenis 8 verkoj de 6 aŭtoroj el 5 landoj.

**TEATRO**

Unua premio: ne aljuĝita; Dua premio: Brian E. Drake (Usono) pro "Koroj en mallumo"; Tria premio: ne aljuĝita; Honora mencio: Stefan MacGill (Hungario) pro "La aŭto-mato". Partoprenis 2 verkoj de 2 aŭtoroj e 2 landoj.

**INFANLIBRO DE LA JARO**

Eldonejo "Éditions Pour penser á l' endroit" pro la libro "Ĉio fareblas" de Aline de Pétigny, tradukita de Martine kaj Christian Riviére. Partoprenis 5 verkoj el 5 landoj.

**KANTO**

Unua, dua, tria premioj: ne aljuĝitaj; Honora mencio: Dina Lukjanec (Kazaĥio) pro "La urbo ora". Partoprenis 8 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA)***

## "ESPERANTO PER REKTA METODO" FURORIS EN RET-07

La ruslingva traduko de la lernilo de Stano Marĉek "Esperanto per rekta metodo" iĝis unu el la plej popularaj varoj de la libroservo en RET-07. Ĉiuj 22 ekzempleroj el la ricevita de REU stoko, kiuj estis proponitaj por vendado, estis preskaŭ tuj disvenditaj.

La lernolibro estas sendube la plej bela kaj la plej riĉe ilustrita ruslingva E-lernolibro, aĉetebla nun en Rusio – oni povas digne prezenti per ĝi Esperanton por dorlotitaj modernaj lingvolernantoj.

Laŭ Marina Stepaĉjova (Tjumenj), kiu instruis laŭ ĝi al "nululoj" dum RET-07, la lernolibro estas bona helpilo por komencantaj instruistoj, sed certagrade katenas pli spertajn instruistojn, kiuj kutimas improvizi. Tiu relativa malavantaĝo tamen kredeble estas avantaĝo por lernejaj E-kursoj, kie ofte estas postulata strikta kaj anticipe priskribita programo.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## NE NUR PROPEDEŬTIKA VALORO

Aŭguste Eŭropa Universitato "Justo" eldonis novan libron: "Esperanto – la plej bona propedeŭtiko" (laŭ materialoj de Internacia konferenco la 13-an de aprilo 2007 en Moskvo) / Red. V.Samodaj, L.Tuĥvatullina, D.Ŝevĉenko. – M.: EU "Justo", 2007. 152 p. Formato A4.

La libro estas paralele en du lingvoj: la rusa kaj Esperanto. La ĉefaj iniciatintoj de la eldono, Liana Tuĥvatullina kaj Gennadij Ŝilo, kun advokata skrupuleco kolektis por la eldono ĉiujn materialojn de la Internacia Konferenco. Kaj aperis dokumente argumentita bazo por evoluigo de Esperanto dum proksimaj jaroj; mi pensas, ke ne nur por Rusio.

> Kial perfektaj viroj neniam edziĝas al perfektaj virinoj?
> Ĉar perfektaj virinoj neniam konsentas tuj, sed perfektaj viroj neniam ripetas siajn proponojn dufoje.
> ***(per-esperanto-humuro)***

Ŝajnas, ke ni ankoraŭ ne plene konscias pri la signifo de la Konferenco. Estas malprudenta afero, ke en "Libera Folio" antaŭ publikigo de rezultoj de la Konferenco aperis la artikolo "Monto naskis muson", celanta minuskligi la okazantan eventon. Tamen, la signifo de la Konferenco estas ne en tio, ke estis donita digna respondo al sinjorino Ĥalejeva. Kaj eĉ ne en tio, ĉu oni aprobos aŭ ne sur la ŝtata nivelo instruadon de Esperanto en lernejoj. La unuan fojon en moderna historio de nia lingvo kune kolektiĝis tioma kvanto da sciencistoj, kies opinio sendube influas al *formado de publika opinio*. Kaj tiuj sciencistoj kune diris rezolutan "jes" por Esperanto.

Jen estas nur ero el la libro:

"... Esperanto estas ilo, kontribuanta al konservado de lingva diverseco, longviveco de minoritataj lingvoj kaj limigo de ksenofobioj.

<...>

Esperanto havas pozitivan kulturologian aspekton, tian konkludon rezultigas sintezo de atingoj de diversnaciaj kulturoj...

Dekano de filologia fakultato de Rusia Universitato de Popolamikeco,
prof. V.N.Denisenko.”

La sciencistoj eldiris sian opinion de la alta tribuno de Rusia Akademio pri Klerigo kaj en senditaj tezoj. Ilia opinio estas favora por Esperanto. Ili donas al ni novan grandan ŝancon por sukcesa evoluo. Kio okazos, se ni ne uzos tiun ŝancon? Esperanto ne pereos. Kaj ni restos, jam esperantiĝintaj esperantistoj. Ni daŭre sidos sur niaj “liberaj-benkoj-forumoj-folioj” kaj ĝis laco pridiskutos nian eternan temon: “Kies KD estas pli bela? Ĉu tiu de Vasja aŭ tiu de Geĉjo?” Kaj la vivo fluos pretere. Kaj la vivotorento daŭre forlavos el niaj vicoj la plej talentajn kaj laboremajn.

Aliaj novaĵoj de la eldona agado:

– Antaŭ komenco de la aŭtuno “Impeto” transdonis por vendado en centraj librovendejoj de Moskvo jenajn titolojn: “Esperanto dum 7 tagoj” de L.Tuĥvatullina, G.Ŝilo; Poezia antologio “Moskvaj sonoriloj”; “Esperanto – la plej bona propedeŭtiko”. Kun la antaŭaj, sume estas en la vendado 13 titoloj.

– “Impeto” subskribis kontrakton kun Sergej Lukjanenko por la vica libro: “Kavaliroj de kvardek insuloj”.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

## “LA FLAVA HUNDO” – NOVA LIBRO APERIS




Fine de aŭgusto “Sezonoj” aperigis la libron “La flava hundo” de Georges Simenon. Ĝi estas la kvara libro pri komisaro Maigret en Esperanto post “Maigret hezitas” (1999), “Maigret kaj la maljuna damo” (2002) kaj “Amiko el la junaĝo de Maigret” (2004). Ĉiuj estas tradukitaj de Daniel Luez (Francio).

“La flava hundo” estas unu el la plej fruaj romanoj pri Maigret. Ĝi estis eldonita en 1931, kaj jam sekvajare ĝia filmoversio, kun Abel Tarride en la rolo de Maigret, estis spektebla sur ekranoj de kinejoj (aliaj filmaj versioj diverslingvaj aperis poste). La eventoj disvolviĝas en Concarneau, kie ĝis nun funkcias la restoracio “Admiralo” (L’ Amiral).

Kelkaj realaĵoj, menciitaj en la romano, eble ne estas facile kompreneblaj por nuntempuloj, precipe por nefrancoj. Ili estas asteriskitaj kaj klarigitaj en “Notoj”. Estas aldonita ankaŭ proksimuma prononco de kelkaj francaj nomoj, renkontataj en la romano. La libro estas presita en Kaŭno (Litovio). La kovrilon faris Larisa Jakovleva.

La prezo de “La flava hundo” estas 12 eŭroj. Tamen por ruslandanoj ĝi estas mendebla kontraŭ nuraj 79 rubloj ĉe la eldonejo. Mendu rete: <sezonoj@kanet.ru>. En nia retejo <http://www.esperanto.org/Ondo/> en la rubriko “Franca literaturo en Esperanto” estas legeblaj la antaŭparolo (de Aleksander Korĵenkov) kaj la unua ĉapitro.

***“Sezonoj”***

# Saŝa Ĉornij (1880 – 1932)

## *en tradukoj de Mikaelo Bronŝtejn*

### Preĝo

Mi kore dankas vin, Kreinto,
Farinta min en vivtumult'
Nek eldonist', nek deputito,
Nek (intertempe) prizonul'.

Mi dankas vin, ho Plejpotenca,
Ke restas mi kun mia lang',
Kun priokaza kred' sensenca
Kaj jam sen mir' pri fia ag'.

Mi dankas vin, ho Unusola –
Dumao ne aligis min,
Tutkore kun mieno fola
Centfoje mi dankegas vin.

Mi dankas vin, ho mia dio,
Ke l' tim' stultula, l' fina hor'
El la haŭtaĉ' putranta mia
Animon mian pelos for.

Do ĝuste tiam mi petegos
Nur malaperon en mallum', –
Mi en edeno enuegos,
Sed en infer' mi estas nun.

1907

### Flava domo

Konatoj – kun plendoj, parencoj – kun vanto,
Mizer' karnavalas ridinde,
Ofic', amikec', politiko putranta
Lacigas la cerbon ĝispinte.
En ĉiu libro – morno, kot':
Pri kato unu ploras,
Saliva dua idiot'
Volupte ekstertoras…

Petro, Petro, ho, la Granda,
Certe, kulpas vi en fin' –

Al sovaĝa norda lando
Kia diablo pelis vin?

Vintras ok monatojn – nur, kamemor' anstataŭ figoj,
Frido, muko, pluv', obskur' – tentas pensoj sovaĝigaj
Elfenestre al la tero, per la kap' kontraŭ pavim'...
Mi koleras, mi koleras... Kion plu, indulgu min?!

Ĉiutaga kerosena gluto
Pretas por ni en senbrila vant'…
Ĉe malĉasto de l' babila van'
Homo senpensiĝas, kiel bruto.

Mankas Parlament' aŭ restas?
Mi ne scias. Diabloj scias.
Sed la tristo, certe, estas,
Kaj koler' senforta estas...
Homoj sovaĝiĝas, putras, krias,
Kaj sennombraj tagoj nin molestas.

Kie 'stas nia – proksima intime?
Kie 'stas nia – aminda senfine?
Guĉkov'oj, kamemor', Dumao, ŝlimo...
Ho proksimulo mia! Ĉu pavimon
Ne ŝatus frapi vi per fola kap'?
Ja ŝatus, vere?

1908

## Du deziroj

1.
Loĝi sur roko nuda,
Verki simplajn sonetojn…
Kaj preni en val' apuda
Panon, vinon, kotletojn.

2.
Bruligi ŝipojn antaŭ mi kaj spure,
Sen zorgoj enlitiĝi, droni en
Sensonĝa dorm', kaj pro scivolo nure
Vekiĝi post jarcent'.

1909

## La urba fabelo

Kamee minca profilo,
Okuloj – pruna maturo,

De l’ haŭt’ lilia subtilo
Kaj nobelina staturo.

L’ virgin’ kun senfunda animo
De ĉefviolono orkestra
Estis nomata madono
En grupoj de l’ sesa semestro.

Vizitis ŝin filologo,
Faddej Simeonoviĉ Pinter.
Rakont’ mia estos nelonga:
Li ŝin ekamis ĝispinte.

Ekamis li tuj kaj sencede,
La lipojn, okulojn, harerojn,
Balbutis sentencojn obsede,
Kun trist’ – kiel fiŝo sur tero.

Li iĝus ŝia naztuko,
Onklino ŝia aŭ frato,
Aŭ eĉ emajlita buko,
Aŭ eĉ dentobroso uzata.

“Vi lacas, fraŭlino, tamen –
Ho jes, ja tremetas la fingroj!” –
Elflustris la gasto ame,
La koron trapikis pingloj.

“Jes, lacas mi. Sekcis studenton:
L’ kadavra gras’ rigidiĝis,
Malvarmis la ŝtal’ instrumenta,
Do, certe, la manoj fridiĝis.

Venermorbulinoj poste –
Lacigaj – ĝis cent, mi certas.
Vi tremas – ĉu estas froste?
Ĉu vi alumetojn serĉas?

Jen, ĉe la fenestro prenu.
Do. Poste mi reen kuris,
El kato elprenis renojn
Kaj ĝin akurate kunkudris.

Poste funiklon putran
Mi testis kun amikino,
Poste... ureon puran
Eligis ni el urino.

Aĥ, mi! Mi pardonpetas:

De l’ mastra rol’ mi foriris –
Kolego! Ĵeleo pretas –
Gustumu, mi mem kuiris”.

Faddej Simeonoviĉ Pinter
Eligis: “Dankon!” falsete.
Batadis bul’, aperinte
En gorĝ’, kiel fiŝo enrete.

Ne iĝus li ŝia naztuko,
Nek onjo ŝia aŭ frato,
Eĉ ne emajlita buko,
Eĉ ne dentobroso uzata.

<1909>

## Stultulo

Tilio kun vespa ĥor’,
Juna patrin’, pompa patrin’
En krono el hara or’
Kun piec’ enokula
Venis por legi en ombra sin’-
Sed libro – en urtik’ ĉeangula…

Filinjo kun plor’,
Obstino
Tiras fremdan bubaĉon: “For!
Ne kisu mian patrinon!”
Gimnazian’ senatente
Al lip’, kvazaŭ polip’,
Kun trem’ gluiĝis ardsente.
Konfuze kolera
La panjo la libron prenas:
“En ĉeesto de Vera!
Bubaĉo! Ne ĝenas!”
Ŝi leviĝis, ordigis rubandon,
Kaj donis al Vera kandon.

Ĝuindas unua kapkan’!
Tri semajnojn beatajn
Kun vere artista lertec’
En korpo vekita de l’ gimnaziano
Sin kaŝis eden’ kaj vulkan’.
Sen kredi la lipojn kaj dentojn,
Ĝisvee feliĉa,
Gluiĝis ĉe luna lumriĉo

Al lipoj pufetaj…
Gigantaj trumpetoj
Encerbe triumfis sonore
Kaj ardo enkore
En jako frapante ululis,
Kun la ardemulo kaŝludis –
Sed brilis kun pur', diafano
Okuloj de l' gimnaziano.

Jen estas la fino:
Juna patrin', pompa patrin'
Jam en ĉaret' kun filino,
Veturonta al edzo subite.
Kliniĝis turmente diskreta,
L' okuloj ridetas fride,
El la mano falas rapide –
Letereto!

Gimnazian' subtegmente
Sur divano kuŝaĉas bule
Surventre.
Ennebule,
Kun punca ekbrul'
Deksesan fojon li legas
Solecan vorton: "Stultul'!"
En l' okuloj fajreroj brilegas
Fiere, minace kaj arde.
Sed tarde...

1909

## Du opinioj

"La formo bagatelas! – voĉoj sonas. –
Se glason el kristal' plenigu sterko,
Ĉu restos la kristala glas' ĉefverko?"

"Stultuloj! – la aliaj tuj oponas. –
En nokta vazo eĉ ĉampano hela
Abomenindas por la buŝ' nobela."

Nur bedaŭrindas ĉi diskut-batal' –
Ja eblas trinki… *vinon el kristal'*.

1910

# Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)

## *Legante "La noktan patrolon" de S.Lukjanenko*

La verko. Ĉefrolas ne mita,
Sed praordinara mistero.
En la fenomen' elpensita
Bruladas kredige la vero.

Ĉu multon elpensis l' aŭtoro
Pri luma afer' kaj obskura,
Se kaptas reala doloro
Ĉe hom', kies kor' ŝajnas pura?

Apude soifas vampiroj,
Suĉantaj la vivenergion,
Sen la konsciataj deziroj
Uzadi l' detruan magion.

Apude varmigas l' aliaj,
Sen bonaj intencoj, sencele.
Komforto kaj san' ĉiam pliaj
Protektas ĉe ili fidele.

Brulante, bruligas plu fortoj
Realaj, kolosaj, danĝeraj.
Batalas por vivoj kaj mortoj
Potencoj enigmaj, sed veraj.

Venkem' de l' malbon' ĉiukulte
Plu ankaŭ sen sorĉoj tempestas.
Ne eblas elpensi pli multe
Ol estas reale aŭ estos.

La vivo inventas kontraktojn
Provataj al maloj favore.
La libro bildigas la faktojn
Modernakolore.

## *Omaĝe al la 80-jariĝo de B.V.Tokarev*

Abundas plu grandaj kaj gravaj problemoj.
Disputojn postulas la vero,
Tornadon de pensoj, prelegoj, poemoj
Por lingvo de l' homa espero.

Versaĵoj, tradukoj inspiron alsendas
Je ĉiam pli novaj esprimoj.

La lingvon per ankaŭ la arto defendas
Mirinda tornado el rimoj.

> Kaj dum instruad' malavare alvenas
> Ideoj tra pensoinvado,
> Sed kio por solvoj instigas kaj benas?
> Tornado de vortoj, tornado.

Esploroj alvokas jam ne en kemio,
Sed pri Esperanto-poetoj.
Kaj se l' esplorant' estas Bonifatio,
Favoras eĉ fatoimpetoj.

> La lingvon eĉ skeptikularo ajngrade
> Ne povus malviva proklami,
> Se ĉiu ĝin scius kaj volus Tornade
> Vivigi, protekti kaj ami.

## AMZEJEV KAJ SOROKA EN IDO

*En Interreto eblas trovi ĉion. Jen, ekzemple, estas tradukitaj al Ido kantoj de Ĵomart Amzejev kaj Vladimir Soroka, trovitaj de Mikaelo Bronŝtejn en la ttt-ejo de la Hispana Ido-Societo <http://es.geocities.com/krayono/radioidia.html>.*

### Filiineto

*Vorti e muziko da Jomart Amzeev.*
*Tradukuro: iZoommm.*

Aparis tu kom la suneto en mea vivo.
De qua planeto venis tu kun bela linguo?
E me askoltas omnadie tua rakonto
Pri longa yari dil vagado en granda kosmo.

> Tu sentis tu solese ibe, ma tu ne jemis,
> Ed esis longa tua voyo a tua hemo.
> Felice ni interrenkontris, la anmo mea,
> E nulo povas separar ni, me savas certe.

Tu dormas ye la manui mea, la mikra stelo,
Tu esas nekredeble bela, filiino mea.
Yen tu ridetis en la dormo, tu forsan vidas,
Ke ula bona mikra gnomo apude sidas.

> Me livas tu kun tua sonjo e klozas pordo.
> La granda e felica mondo tun vartas morge.
> E tu oblivios pri soleso, mea anjelo,
> Nam tu komencas longa vivo sub la cielo.

Tu quaze charma mirakleto en mea vivo...

## Nokto ploras

*Amorala kanto da V.Soroka, originale en Esperanto.*
*Tradukis aden Ido e kantas: Igor Vinogradov aka iZoommm.*

Me ne plendas pri la fato – vu ne pensez.
E plendar pri feliceso es sensenca.
Quale varme vua bela voco sonas.
Ed extere ploras nokto, nokto ploras.

Morge treno vartos vu, ma ca-instante...
Vu embracez me plu forte adiante.
En okuli vua dronesar me povas.
Ed extere ploras nokto, nokto ploras.

Til matino restas tempo preske nula.
Ed l' auroro ruptos inter ni liguro.
Nia sola nokton sempre me memoros.
Ye fenestro batas pluvo – nokto ploras.

## KATOJ KAJ HOMOJ

Oni diras, ke katoj kaj dresado ne kunigeblas. Tio estas malvero. Mia kato plendresis min dum nur du tagoj. *Bill Dana*

Katido en la faŭno similas al rozburĝono en ĝardeno. *Robert Sauti*

Nur du aĵoj mildigas vivĉagrenojn: muziko kaj katoj. *Albert Ŝvejcer*

Katoj pli saĝas ol hundoj. Kiu povus devigi ok katojn tiri sledon laŭ neĝo? *Ĝeff Valodez*

Viro, kiu ne ŝatas katojn, neniam havos belan edzinon. *Nederlanda popoldiro*

Ĝentila kato atendas vian finlegon de matena ĵurnalo antaŭ disŝiri ĝin je pecetoj. *Ĝim Devis*

Katoj instinkte sentas, kiam la mastro devas vekiĝi, kaj vekas lin je dek minutoj pli frue. *Ĝim Devis*

Se nigra kato kurkrucigis vian vojon, do ĝi rapidas ien. *Graucô Marks*

Se kato havus flugilojn, ĝi ne degnus iĝi ordinara birdo sed iĝus anĝelo. *Dik Ŝon*

Se vi havas katon, aĉeti skulptaĵojn jam ne indas. *Ŭesli Bejts*

Iu asertas, ke la plej danĝera animalo sur la tero estas homo. Evidente, li neniam vidis furiozigitan katinon. *Lillian Ĝonson*

La hejmo sen kato, bone nutrita, prizorgita, amata, povas, certe, esti bona hejmo, sed fakte ĝi nur nomiĝas tiel. *Mark Tven*

Katoj surarbiĝas por rigardi al ceteraj estuloj desupre – ĝuste tial ili tiel malamas birdojn. *K.S.Baffington*

Aferoj abundegas, kiel ĉe dukapa kato en laktobutiko. *Popoldiro*

***el la libro de Maks Krajer "Kata almanako", tradukis Klara Ilutoviĉ***